# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO
## FRANCA ESPERANTISTO

PUBLICATION MENSUELLE
Novembre 1960
28e Année
— N° 194 —

34, Rue de Chabrol. Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.


# ĜENERALA VIDO SUR LA URBO

EPERNAY



(afable pruntita de « Syndicat d'Initiative »).

La Loko de la 53-a Nacia Esperanto-Kongreso
(la 20, 21 kaj 22 Majo 1961)

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**Secrétariat :**
**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

**Rédaction :**
**M. Jean THIERRY,** UEF, 34, rue de Chabrol, PARIS X[e]. Tél. : PRO. 55-03.
Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction **(un double interligne).** Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

*Prière d'envoyer des clichés, et non de simples photos.*

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

### U.E.F. COTISATIONS U.E.A.

Les versements sont à effectuer au trésorier fédéral ou, à défaut, à l'U.E.F. Paris C.C.P. 855-35 Paris.

| | NF |
|---|---|
| **MEMBRE APPROBATEUR** | 1,50 |
| **MEMBRE ACTIF** | 3,50 |
| **MEMBRE ACTIF** (avec abonnement à la « RF d'E ») | 10 |
| **MEMBRE JUNIOR : moins de 21 ans*** (TEJO) et **étudiants**** | 6 |
| **MEMBRE BIENFAITEUR UEF** (avec abonnement à la « RF d'E »). | 20 |
| **MEMBRE A VIE UEF** (avec abonnement à la « RF d'E ») | 300 |
| **Abonnement seul à la REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO** | 7 |
| **Pour l'étranger — Por eksterlandaj abonantoj** | 8 |

SUPPLEMENT POUR **UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**

| | |
|---|---|
| **MEMBRO JARLIBRO** (reçoit l'Annuaire d'UEA) | 10 |
| **MEMBRO ABONANTO** (reçoit « Esperanto » et Annuaire) | 20 |

(La kotizoj de junuloj ĝis 21 jaroj* estas respektive **5 NF** kaj **10 NF** ; nun JMJ kaj JMA estas aŭtomate TEJO-anoj ; la pliaĝaj studentoj pagas **plenan** kotizon).

| | |
|---|---|
| **MEMBRO SUBTENANTO** | 30 |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO »** | 15,50 |

Les versements concernant le Groupe des Educateurs Espérantistes sont à faire à G.E.E., 6, Rue de la Paix, Baugé (M.-et-L.) C.C.P. Nantes 1501-41. Membre simple : 800 F ; de soutien : 1.000 F ; bienfaiteur : 1.200 F (8, 10 et 12 NF).

* Indiquer la date de naissance ; ** indiquer la Faculté.

# TUTMONDA ESPERANTISTA JUNULARA ORGANIZO

## NASKIĜO de J.E.F.O. ((Junulara Esperantista Franca Organizo)

*En Roterdamo, la junaj francaj ĉeestantoj decidis fondi propran nacian organizon.*

La franca kongresa perinto, konsciante pri la fragileco de neorganizita franca esperantista junularo kaj pri siaj propraj malfacilaĵoj por daŭrigi la peradon en la sekvontaj jaroj, unue provis instigi la junajn kongresanojn en Montélimar per letero direktita al UFE.

Per dua komuna letero sendita por la kongresanoj en Roterdamo al F-ino CHEFD'HOMME, unu el la ĉeestantinoj, li denove sugestis, ke la junuloj mem prenu en propraj manoj la gvidadon de siaj aferoj.

La gejunuloj tre interesiĝis kaj ili 18-ope starigis la bazon de sia estonta organizo. Pluraj el ili ĉeestis en Bruselo la 45an U.K. kaj varbis la tieajn junajn francojn, tiel ke la nova asocio kalkulus jam ĉirkaŭ 40 membrojn.

Ili elektis komitaton, kiu konsistas el :

*Prezidanto - Sekretario :* Michel TURIN, 43, rue Emile-Magnin, Pontarlier (Doubs).
*Vic-prezidantino :* Simone DUBREUILLE, 3, rue du 76[e]-R.I., Coulommiers (S.-et-M.).
*Helpsekretariino :* Jeannine VANDENABEELE, Siorat, par Brive-la-Gaillarde (Corrèze).
*Kasistino :* Suzanne SAGE, 42, rue Louis-Saulnier, Meyzieu (Isère).
*Sekretariino por Pariza Regiono :* Paulette CHEFD'HOMME, 7, rue des Acacias, Bois-Colombes (Seine).

La perantino por la estonta Internacia TEJO-Kongreso estos :
F-ino Nicole BLANC, Laboratoire Départemental, 2, rue Charles-Roy, Nevers (Nièvre).

(Laŭ disaj informoj raportis J.P. C.).

# KUNSIDO DE LA ADMINISTRANTARO DE U. E. F.

*en GRÉSILLON, la 3-9-1960*

Cefaj punktoj el la protokolo de s-ro A. Ribot, Generala Sekretario de U.E.F.

Ĉeestis : s-roj Llech-Walter, Guillaume, Petit, Rousseau, Thierry, Chagnoux, Gouget, Motto kaj Motillon.

Sendis senkulpigan leteron : s-roj Asquéry, Marly Philippe kaj Bourdelon.

**• Lerneja Komisiono.**

S-ro Ribot klarigas, ke la membroj de tiu ĉi Komisiono estas pretaj agi ĉe pluraj altaj organismoj kaj ĉe la Asocio de la Gepatroj de Lernantoj. Ĉiuj esperantistoj ankaŭ membroj de tiu ĉi Asocio, estas streĉe invitataj voĉdonigi rekomendan rezolucion, por ke la gazeto de la Asocio, « La Voix des Parents », regule publikigu informojn pri Esperanto.

**• Franca Esperantisto.**

Le prezo de nia nacia organo restas akra dorno Pluraj proponoj estas elmontritaj : ĉu malpliigi la nombron de la paĝoj, ĉu presigi ĝin aliloke. S-roj Thierry kaj Ribot provos solvi la punkton. Provizore nia revuo havos 16 paĝojn.

**• Financoj.**

Kvankam la kontoj ankoraŭ ne definitive estas fiksitaj, nia sindona kasisto S-ro Rousseau montras, ke, spite multajn elspezojn, la financa stato restas en ekvilibro. Tamen, speciala klopodo favore al kreskado de membroj kaj abonantoj je F.E. solvus multajn demandojn.

**• Nacia Kongreso.**

La urbo Epernay, kie vigla grupo reprezentas nian movadon, estas proponita, kiel kongresurbo por 1961.

**• Pedagogia Rubriko.**

S-ro Robert Martin, membro de la Lerneja Komisiono sugestas, ke **Franca Esperantisto** kaj **Esperanto & Kulture,** kaj **Kulturaj Kajeroj,** regule publikigu pedagogian rubrikon, destinitan al niaj membroj, kiuj deziras gvidi kursojn de Esperanto ne havante specialan kompetentecon. Aprobite.

**• Cirkulanta Biblioteko.**

Estas decidite refunkciigi la iaman cirkulantan bibliotekon, kiun prizorgis F-ino Sabine Chauvet, en St-Laurent-du-Bois, par Gornac (Gironde). Tiu ĉi nova servo ebligos al ĉiuj ricevi sen granda elspezo novajn verkojn kaj tiel plibonigi sian lingvokonon. Baldaŭa numero de F.E. donos ĉiujn klarigojn tiurilate.

**• Staĝo de U.E.F.**

S-ro Llech-Walter partoprenis en la unua semajno de la supera staĝo, organizita de U.E.F. en la kulturdomo Grésillon kaj gvidata de S-ro Ribot. Por la venontaj jaroj pli intensa informado pri tiu ĉi staĝo estos farita en U.E.F.

**• Eldono de Prospektoj.**

Tiu ĉi demando estas prokrastita, ĉar la Fervojista Ligo posedas ankoraŭ da ili ; ankaŭ la prospektoj pri **« Espéranto & Culture »** kaj **« L'Espéranto dans l'Enseignement »** devus ricevi ĉi-jare la atenton de la grupoj.

Koncerne la afiŝojn, U.E.F. posedas stokon da **Mahé-afiŝoj,** kiuj kostas po 0,10 NF. Krome ni konsilas al niaj grupoj aĉeti serion da **Ribot-afiŝoj,** kies tekstoj kaj prezento estas bonaj. La 9 afiŝoj kostas afrankite : 9 NF 20.

**• Vintraj Kursoj.**

Ĉiuj kapablecuIoj estas petataj malfermi kurson ĉu en publika ejo, ĉu — multe pli bone — en instruejo. Speciala cirkulero pri tio estos sendita al la grupoj.

**• D-ro Hamwai.**

La vojaĝo de nia Novzelanda samideano komenciĝos verŝajne komence de 1961. La grupoj estos avertitaj ĝustatempe.



## Le stage de Septembre à Grésillon

Ce stage, commencé le 23 août sous la direction de M. A. Ribot (professeur) s'est déroulé dans une ambiance à la fois gaie et studieuse.

La journée (**découpée** régulièrement par des sons de cloche) commençait méthodiquement par une révision des notions élémentaires.

Ensuite, quelques subtilités de la langue débattues en commun nous amenaient à une compréhension plus profonde de la richesse de l'Espéranto. Vers 11 h. une pause de dix minutes nous permettait de souffler un peu avant d'aborder une leçon de vocabulaire toujours aussi riche que variée.

La soirée débutait vers 4 h. 30 par la traduction d'un ouvrage « La Alaska Stafeto ». Vers 5 h. 30 une séance de jeux nous attirait tous sur les pelouses du château, où les stagiaires s'en donnaient à cœur joie.

Journée bien remplie comme on peut s'en rendre compte. Journée qui se terminait tard, après diner, par d'amusants jeux-surprises, par des conférences et des projections intéressantes. S'achevant le samedi 10 septembre par le passage des examens des 1er et second degrés, ce stage, couronné de succès, nous a laissé un très bon souvenir du château et de ses pensionnaires.

P. BAUNE
(l'un d'entre eux).



## La Maison Culturelle Espérantiste

**Fin d'année.** — Une semaine à Grésillon. — Travaux divers. — Réveillon final.

**Pâques 1961.** — Séjour de deux semaines, avec cours d'Espéranto et reliure.

**Eté 1961.** — Quatre périodes dont :
une **rencontre internationale** (du 10 au 24 juillet) et **« Le Cours Pratique et Supérieur »,** organisé par l'U.E.F. sous la direction de Mr. A. Ribot (du 30 août au 12 septembre).

Nous tenons à la disposition des groupes, une collection de diapositives en couleurs, se rapportant aux divers aspects de la Vie de Grésillon. Un commentaire accompagne cette collection.

La projection de ces photos peut vous apporter l'occasion d'organiser une soirée agréable.

Nous demandons simplement aux utilisateurs d'immobiliser le moins longtemps possible les vues que nous leur adresserons.

**Demandez les détails à**
**CHATEAU DE GRESILLON, Baugé (M.-et-L.)**



# "VIVO DE LA GRUPOJ KAJ FEDERACIOJ"

La Redakcio akceptas nur tajpitajn tekstojn en korekta Esperanto. Ni povas aperigi nur presklišojn, NE simplajn fotojn.

*FRANCAJ GEAMIKOJ*

*ATENTU...*

**INTERNACIA DISTRO — SEMAJNO en preparo.**

*Dato* : 14-a ĝis 21-a de aŭgusto 1961 (tuj post la Universala Kongreso)

*Loko* : DOMFRONT (Orne) Francujo (kie Ministro Terrenoire alparolis la partoprenantojn de la 29-a Regiona Esperanto Kongreso de Normandio)

*Celo* : Konatigi nian regionon al niaj eksterlandaj geamikoj, kaj precipe al *viaj* gekorespondantoj.

*Nepra kondiĉo* : Ni akceptas *unue* la aliĝojn de la francaj geespesantistoj, kiuj rendevuos en Domfront kun siaj gekorespondantoj.

*Speciala aranĝo :* Vi loĝos en la sama hotelo kun viaj gekorespondantoj ; preskaŭ ĉiuvespere, la postmanĝaj horoj estos liberaj, por ke vi povu trakti viajn proprajn aferojn kun viaj amikoj.

*Ĉefaj eroj* de la programo : Vizito al apudurbaj kasteletoj (kunlabore kun arkeologia asocio) Vizito al kuracurbo *Bagnoles de l'Orne* Vojaĝo al *Monto Sta-Miĥaelo*
En *Domfront* mem : detala vizito de la urbo — folkloraj festoj — partoprenoj en diversaj konkursoj.
Prelegoj

*Provizoran programon* (unuan cirkuleron) sendos al ĉiu interesiĝanto : Sro G. VERON, Esperanto, DOMFRONT (Orne). Vi *tuj* skribu.

ATENTU... ATENTU... Nur se francaj geesperantistoj interesiĝas, kaj varbas siajn eksterlandajn geamikojn, la Semajno okazos.

*Limdato por aliĝo* : februara fino 1961.

**LES ANDELYS.**

Fine de septembro ree malfermiĝis la Esperanto-kursoj en la porknabina lernejo : la unuagradan partoprenas 7 geknaboj, la duagradan 6 knabinoj. La du plej bonaj gelernantoj ricevos kiel premion respektive unu semajnan senpagan restadon en Grésillon kaj senpagan restadon en la infankongreseto en Harrogate (Anglujo).

La klubo ree funkcias ĉiudusemajne, merkrede, de la 16.30 ĝis la 17.30 h. Okazis eksterordinara ĝenerala kunveno merkredon, la 12-an de oktobro, je la 20.15 h. 24 personoj (infanoj de la klubo kaj iliaj gepatroj) partoprenis. En la tagordo estis du punktoj :

— raporto pri la vojaĝo de la laŭreatinoj al Bruxelles. La du knabinoj mem rakontis siajn spertojn kaj montris la memoraĵojn kolektitajn dum la infankongreseto.

— la dua punkto temis pri la preparado de la normanda kongreso, kiu okazos en *Les Andelys* la 6/7-an de majo 1961. Loka Kongresa Komitato rapide formiĝis kaj tuj komencis labori.

Bonvolu sendi vian aliĝon al la kasisto : D-ro P. Bonnet, bestkuracisto, 6, Bd Néhou, Les Andelys (Eure), c.c.p. Rouen 1306-89.

*Aliĝkotizoj.*

| | ĝis la 28-2-61 | post la 1-3-61 |
|---|---|---|
| | 3 NF | 4 NF |
| infanoj malpli ol 14-j | senpaga | senpaga |
| gejunuloj ĝis 21-j | 1,50 NF | 2 NF |

**PARIZA FEDERACIO.**

En 1960 fondiĝis nova grupo en *Maisons-Laffitte* (*S & O*) kun la jena estraro :

*Honor-Prezidanto* : S-ro Roland Jules Ferry, inspektisto de unuagrada instruado ; *Prezidanto* : S-ro Jourdan, teknika agento de Socia Asekuro ; *Vic-Prezidantino* : F-ino Françoise Aubrun, direktorino de Cours Pigier en Sartrouville ; *Sekretariino* : F-ino Arlette Fleuriau, instruistino pri kanto ; *Help-Sekretario* : S-ro Marcel Pilleboue, kontisto en la S.N.C.F. ; *Kasisto :* S-ro Jean Le Gars, instruisto ; *Help-Kasisto* : S-ro F. Gervasoni, kahel-tegisto.

Korajn bondezirojn al la nova grupo, kiu kunvenas en la knab-lernejo de Maisons-Laffite, 1 bis rue du Prieuré.

S-ro Irving Shanker, 756 Stanley Avenue, Brooklyn-7 N.Y. **(Usono)** deziras trovi francan korespondanton por interŝango de poŝtmarkoj laŭ apero. Skribi rekte al li por interkonsento.

**Usono.** S-ro Leif Heilberg (28 jara) 447 Cole St. San Franscisco 17, California — Korespondas kun nudistoj, naturistoj, pri oganizado de grupoj en U.E.A. kaj INF.

### BESANÇON.

La Esperanto-Sekcio de la « *Association Franc-Comtoise de Culture* » okazigis sian jarkunvenon en la sidejo 140 Grande Rue, la dimanĉon 18-an de septembro.

La estraro estis reorganizita. S-ino Trésorier plenumas la funkciojn de ĝenerala sekretarieco. F-ino Bernadette GAZIN, 14, avenue Fontaine-Argent, prenis sur sin la taskon de komunikiloj al gazetoj kaj de financaj aferoj. F-ino KOLHER, 20, rue Sancey, okupiĝas pri klopodoj kaj informado aparte ĉe libristoj, por ke ili havu stokon de kelkaj lernolibroj, kaj tiel povu respondi eventualajn demandojn ; ankaŭ pro klopodoj ĉe la Komerca ĉambro cele al starigo de esperanto-kurso.

Kursoj estis aranĝitaj en pluraj kvarteloj de Besançon, unu en la Centro, ĉe A.F.C.C. (2-aetaĝa salono de Kursaal) : ĉi tiu kurso okazas la ĵaŭdon posttagmeze je la tria por la unua grado kaj dimanĉon matene je la deka por la dua grado ; alia kurso estis starigita en Palente-cité (por informo sin turni al S-ino Trésorier, 2, rue des Lilas). Unuagradan kurson gvidos S-ro Pocthier, 20 E, chemin de Fontaine-Écu, por la kvartelo de Fontaine-Écu kaj Montrapon, kaj F-ino Kolher, por la kvartaloj de St-Ferjeux kaj Rosemont.

La Esperanto-Sekcio havis la plezuron saluti la 15-an de septembro la alvenon en Besançon de la delegito d'Euskirchen (Germanujo). Ni pasigis kune kelkajn agrablajn horojn.

S-ino Trésorier vizitis komence de septembro esperantistojn de Fribourg-en-Brisgau, urbo ĝemeliĝinta kun Besançon. Estis antaŭviditaj por la venonta somero ekskurso en Fribourg kaj vizito de Fribourganaj esperantistoj en Besançon.

●

Nova Prezidanto de la Burgonja Federacio :

S-ro Antoine BIDEAU, chef de bureau du Centre mécanographique S.N.C.F., Appartement 14, Tour Gabriel, Boulevard Mansard, Dijon.

●

## NORD-FRANCA FEDERACIO

### BOURBOURG.

Je la invito de la grupo « Mara Stelo », el Hago, dek-naŭ klubanoj pasigis agrablan semajnfinon en Nederlando. Kunveno okazis ĉe festsalono Dierentuin kaj la Francoj tranoktis ĉe Nederlandaj gestigantoj.

Dimanĉe, pastro WANNEMAKERS, sekretario de la Sacerdota esperantista rondo internacia, estris la diservon kaj predikis en esperanto.

Lunde, la Francoj akceptis ĉe malnovstila restoracio la afablajn nederlandajn geamikojn.

Simila aranĝo okazos proksiman jaron en Bourbourg.

### HENIN-LIETARD.

Je la iniciato de la *Laika Amikaro de Gelernintoj*, elementa kaj perfektiga kursoj okazas sub la gvidado de S-ro Lucien BOURGEOIS. La regiona gazetaro favore menciis kaj raportis kun fotoj pri la unuaj lecionoj.

### ROUBAIX.

Informa vespero pri esperanto lasttempe okazis ĉe la klubo Léo Lagrange.

Aŭdigo de pluraj son-bendoj sekvis la liberan debaton.

### TOURCOING.

Nederlanda esperantistino vizitis ŝpinejon kaj diversajn vidindaĵojn de la industria centro *Lille-Roubaix-Tourcoing*.

### WATTRELOS.

*Pluraj artikoloj kun fotoj aperis ĉe la gazetaro pri* la restado de S-ro James JUMP, instruisto el Rochester (Anglujo).

Inform-kunvenoj regule okazas ĉe la klub-sekretariejo - 7, rue Saint-Saëns.

### SUKCESAJ KONGRESOJ EN NORDA FRANCUJO.

Danke la kunlaboron de la kluboj kaj de la Esperantista Federacio, regionaj kongresoj regule okazas en diversaj urboj de Norda Francujo.

En CAUDRY, kvindek respondeculoj el tri departementoj lasttempe kunvenis en urba salono. Je la instigo de la nova prezidanto, S-ro G. ODENT, la delegitoj unuanime aprobis rezolucion sendotan al la Franca Ministro pri Edukado.

Pluraj paroladistoj atentigis la delegitojn kaj la gastojn pri la progresoj de esperanto. S-ro A. DRELIN, urbestro de CAUDRY, bonvenigis ĉiujn geesperantistojn kaj S-ro N. PAVOT, parlamentano, insistis pri la rolo de la Internacia Lingvo, kiu estas « necesa komplemento de la eksterlandaj vojaĝoj ».

Du komitatanoj — S-roj MONNIER kaj BOUQUIN — respektive parolis pri la Universala Kongreso de Bruselo kaj pri la modela vivo de D-ro ZAMENHOF.

Post la komuna manĝado, la prezidanto deklamis kaj S-ro BRICOUT talente kantis. Vizito de bredejo kaj amika babilado interese finis la esperantistan tagon, kiun la ĉiutaga gazetaro favore menciis.

Proksimaj kongresoj okazos en la Nordfrancaj urboj Valenciennes, Lille kaj Amiens. Ĉiujn utilajn informojn sendos la ĝenerala sekretario de la Nordfranca Esperanto Federacio — S-ro Lucien BOURGEOIS - 21, rue Gambetta, *Noyelles-Godault* (Pas-de-Calais).

Deziras interŝanĝi poŝtmarkojn Dieter KREMP, K'he-Durlach, 17 a Kastallstr. 17. Germanujo.

SZALAY LASZLO :

# AMU UNU LA ALIAN...

Tiel mi devas komenci, kiam mia patro finfine malpaciĝis kun sia bopatro, kun mia avo, — kaj aĉetis bienon en la najbareco de mia avo, kie ĝis nun li mastrumadis kiel luanto...

Ni ankoraŭ ne ekloĝis en la nova akiraĵo, kiam jam aperis ĉe ni la katolika parohestro el Akaszto (1). Li haltis vid-al-vide al mia patro kaj parolis solene :

— Mi salutas vin, sinjoro, kiel patronon de la katolika eklezio de Akaszto kaj mi petas Dibenon je via laboro !...

Mia patro tiel timiĝis, ke anstataŭ sur seĝon, li preskaŭ sidiĝis surteren :

— Ĉu ?... Mi ?... Ĉu patrono ?...

— Tiel estas, — diris firme la parohestro.

— Sed mi — antaŭ la aĉeto de la bieno — precize trastudis la katastron !...

— Mi ne dubas !...

— Kaj nek sur la « C » folio, nek sur la « B » folio mi trovis ian ŝuldon, noton, devon !...

— Mi kredas !... Tiam eble — mi sonĝas tiun ĉi honoron !... Ne, mi petas... Ĝi estas la realeco... La katastroj ne montras la patronan devon de la bienoj.

— Mi petas pardonon, la katastroj estas garantie aŭtentikaj !...

— Nur koncerne la patronan rajton ne !...

— Krom tio mi estas luterana !...

— Tio ne ŝanĝas nian rajton !...

***

Mia patro perdis sian trankvilon kaj faris ĉion, por ke li forigu la patronecon... Li sendis min al la jurscienculo Kossutany Ignac, kiu tuj diris, ke ĉio estas vane... Sed mia patro ne povis trankviliĝi, ĉar la devo patrona, krom tio, ke ĝi malaltigis la valoron de la bieno, pro ebla okazo de fajro, inundo aŭ tertremo estus povinta nin tute bankrotigi, pro la devigaj rekonstruelspezoj... Kvankam la porjara patrona sumo ne estis tiom alta, kaj facile ni estus povintaj ĝin plenumi...

Komenciĝis do la proceduro antaŭ la ŝtata administrado, ĉar ĉiamaniere ni volis liberiĝi. Mia patro proponis al la kanonikaro en Kalocsa (2), ke li volonte anstataŭigas la patronecon per certa kaj akceptebla sumo...

Sed la kanonikaro ne havis la emon por fari kompromison kaj la unua forumo de la juĝistaro rifuzis la plendon.

Intertempe ni eksciis, ke la originala donacletero de la Batthyany-familio ne estas en la posedo de la kanonikaro, pri kio per nova forto ni daŭrigis la batalon, postulante la montron de la donacletero...

Ankaŭ tie ĉi ni malsukcesis, tial ke estas superflua la montro de la donacletero kontraŭ la pli ol centjara tradicio...

***

Iom pos iom ni laciĝis kaj tarnkviliĝis pri la neŝanĝebla... Kelkfoje mia patro ankoraŭ perdis sian paciencon, ankaŭ Szuhay (3) grumblis, kiel dikkola kalvinano, sed tiu ĉi jam ne estis vera kolero...

La parohestro estis ia mirinde simpatia homo... Trankvila, pacienca kaj komprenema... Ankaŭ inter la plej grandaj tempestoj, en la furiozado de la amareco li vizitis nin, trankviligis, konsolis mian patron kaj Szuhay-n kaj lude li defendis ĉiun atakon... Tiel, ke iom post iom mallaŭtiĝis la pasiaj disputoj kaj ili donis eblecon por amikaj paroladoj, trinkado kaj tarokludo...

— Mi ne scias, ĉu ne havas ian malagrablaĵon la sinjoro parohestro — grumblis iun tagon la maljuna Szuhay, — ke hieraŭ li ne estis ĉe ni kaj, kiel mi antaŭvidas, ankaŭ hodiaŭ li ne venos ? !

— Sed kial ne — diras mia patro, — lia fiakro ĵus turniĝas ĉe la arbareto !

— Jes, danke al Dio — krias ĝoje Szuhay, rigardante tien...

Kaj en la sekva minuto oni jam pelas la kortbirdaron, tranĉas la kolon eĉ de kvar, car tie proksimiĝas la gasto por vespermanĝo...

***

En florodora, stelflora vespero ili tarokludis sur la teraso...

Diras la parohestro al mia patro :

— Ĉu vi estos hejme morgaŭ antaŭtagmeze ?

— Jes... sed kial vi demandas ?

— Ĉar mi volas, ke finfine ankaŭ vi vidu jam de mi ian utilan... Ne nur mi vian...

— Nu ?...

— Morgaŭ...

— Kio okazos morgaŭ ?

— Mi venos...

***

Alian tagon antaŭtagmeze atente ili observis la vojon, Szuhay kaj mia patro...

Ĉirkaŭ la deka horo ia brile progresanta amaso enkurbiĝis sur la floran kampvojon...

— Ili venas en tiun ĉi direkton, sed kiuj ili povas esti ?...

(1) **Prononcu** : Akasto. Temas pri hungara vilaĝo.

(2) **Prononcu** : Kaloĉa. Temas pri hungara urbo, ĉefepiskopa sidloko, proksima al Danubo.

(3) **Prononcu** : Suhaj.

— Tion estus bone scii!...

Iom mallaŭta kantado ankaŭ aŭdiĝis, kiel ili proksimiĝis, kiel nubo sur la ĉielo...

— Patro Dio! — kriis Szuhay, — flagoj kun la bildo de Sankta Maria, kruco, venas la tuta eklezio de Akaszto!...

— Je la Dio! — diris ektimiĝinte mia patro.

Admire ili rigardis...

— Kion ili volas?... Kio portas ilin ĉi tien?

*
* *

— Ĉu ni atendu ĉi tie?... Ĉu ni ne iru antaŭ ilin?... Kio estus pli deca?...

— Eble ni iru... Akceptu ni ilin...

Ili demetis siajn ĉapelon... Kaj ekiris... La luterana kaj la kalvinana fratoj... Al la proksimiĝanta tria frato...

Ankaŭ ili proksimiĝis... Kantante psalmon... Kaj kiam ili renkontiĝis, ekhaltis la procesio — la parohestro iris en la grenaron nian — preĝis — poste li sanktigis ĝin...

Nome sur nia bieno, sur nia grenkampo li aranĝis la tritiksanktigon...

*
* *

Jam malproksime ili iris... Survoje hejmen... La parohestro kaj la kredantaro... Nur la sonerojn de ilia kanto reportis la vento...

Mia patro kaj Szuhay ankoraŭ staris sur la pli frua loko... Sur la loko de la tritiksanktigo... Longe, silente... Rigardante antaŭ sin... Ĝis fine mia patro ekparolis:

— Mirinda okazintaĵo estis tiu ĉi, maljunulo mia! Kiel honoris nin la parohestro!...

— Mia sinjoro!... Vera sonĝo!... Fabela okazintaĵo!...

Kaj ankaŭ ili ekiris... Reen... Malrapide, en la direkton de la farmo... Kaj kiam ili atingis la krucon altiĝantan super la flora semkulturo apud la kampvojo, mia patro ekhaltis kaj turniĝis al Szuhay:

— Rigardu jam, kiel la tempo eluzis ĉi tiun krucon!... Kiel ĝi senkoloriĝis, la kompatinda!...

— Tio estas vera... Kvankam ankaŭ ĝi apartenas al ni, kune kun la tero!

— Aŭskultu, maljunulo: mi vokos metiiston kaj mi riparigos ĝiin!... Ĉar kvankam luterana, sed tamen patrono mi estas!...

— Jes, tiel!... Zorgi pri ĝi apartenas al ni!... Kaj mi farigos kradhavan barilon ĉirkaŭ ĝin... Kaj interne mi plantos kvar rozujojn kaj ruĝan pelargonion!... Oni ne povu diri, ke paganoj ni estas — malindaj je la patroneco!...

El hungara tradukis: SZALAY Sandor.

*Postnoto de la tradukinto:*

La identeco de la familiaj nomoj ŝuldiĝas ne al parenceco, sed nur al homonimeco, tute hazarda. Szalay Laszlo (prononcu: Salaj Ladislao) naskiĝis en 1879 kaj mortis en 1943. Aminte la popolon, li verkis precipe rakontojn el ĝia vivo. Multfoje li roligas Szuhay-n (Suhaj), kiu personigas la saĝan kamparanon, kiel farmestron de la patro kaj avo de la verkisto.

# POPOLUNIVERSITATOJ KAJ ESPERANTO

Kiel oni scias, la IIIa Internacia Konferenco de la Popoluniversitatoj okazis de la 9a ĝis la 11a de septembro en Strasburgo.

Mirinde bela vetero envolvis la urbon kaj la kongreson per konstanta sunbrile kaj entuziasmige radianta atmosfero. La bonvolo, la sindonemo plenigis ĉiutage la koron de ĉiu partoprenanto. Sed inter bonvolo kaj povo estas foje fosaĵo malfacile plenigebla: tion, ĝuste, oni spertis dum tiu Konferenco en diversaj komisionoj kie, pro la diverseco de la lingvoj, oni foje ne kompreniĝis aŭ eĉ miskompreniĝis.

Feliĉe, en kelkaj komisionoj, estis delegitoj parolantaj Esperanton. La partopreno de tiuj esperantistoj ne nur helpis en kelkaj kazoj sed ege mirigis la multnombrajn profesorojn (inter kiuj eminentuloj), kiuj ĝis nun estis pli ol skeptikaj fronte al Esperanto.

Tiun situacion, plenplene, vere maksimume kaj sukcesplene ekspluatis niaj gesamideanoj, kiuj senlace agadis cele oficialan alprenon de Esperanto. Tiu alpreno fakte efektiviĝis per oficiala decido, kiun voĉdonis du el la plej gravaj komisionoj (decido poste legata de eminentaj profesoroj en la ĝenerala raporto) kaj per tute neatendita entuziama deklaro, favora al instruado kaj uzo de Esperanto ĉe la Popoluniversitatoj, farita ĉe la solena malferma kunsido, de la konata itala poeto (aŭtoro de « Elga »), *D-ro Carlo Massimo* CANOVA, tute konvertita al Esperanto, kaj Delegito de Torino.

Tiu kuraĝiga rezultato nepre pruvas ne nur ke, iom post iom — pro la necesa internacia kunlaborado de l'popoloj — enradikiĝas la mondlingvo en la ĉiutagan vivon, sed ankaŭ ke, per trafa, obstina, harmonia agado de malmultnombra (20 esperantistoj inter 200 partoprenantoj) sed solidarkonscia aro de samcelanoj, seriozaj eĉ gravaj rezultatoj povas esti facile atingitaj.

Mi mankigus en mia tasko de raportanto, se mi ne aldonus — spite la modestecon de nia amiko — ke nia klopodado favore al Esperanto estis multe faciligita dank' al la amikeca, sindonema, plensamideaneca « neŭtraleco » de la populara eminenta Presidanto de la Internacia Asocio de la Popoluniversitatoj, S-ro Pierre PETIT.

Hubert FEREZ.



# L'ESPERANTO DANS LE MONDE

**POLOGNE.**

La revue de la Faculté d'Architecture de Cracovie fait paraître en Espéranto des résumés de ses principaux articles.

**BRESIL.**

Le gouvernement brésilien a accordé une subvention de 250.000 cruzeros à la Coopérative Espérantiste de Rio-de-Janeiro pour la propagande et l'enseignement de l'Espéranto.

**UKRAINE.**

Le « Journal du Travail » de Kiev a publié à la demande de ses lecteurs, un cours d'Espéranto, en russe et en ukrainien.

**GUATEMALA.**

Huit écoles supérieures du pays enseignent actuellement l'Espéranto sous les auspices du Ministre de l'Instruction publique. Plus de 500 élèves suivent donc les cours d'Espéranto.

**CHINE.**

Les « Editions de Littérature Populaire » à Pékin viennent d'éditer en langue chinoise, une biographie du grand poète polonais Mickiewicz traduite du texte en Espéranto de Mr Jastrum. On sait que le chef-d'œuvre de Mickiewicz, « Monsieur Tadée » a été traduit en Espéranto.

***

## U.N.E,S.C.O.-NOVAJOJ

(Laŭ Unesco-Features kaj UEA-Informservo)

**INTERNACIA KONKURSO POR « PLUMAMIKOJ.**

La Plumamika Ligo de la Nacioj (Nations' League of Penfriends), kies estrejo estas en Nova Delhi, Hindujo, proponas premion por la plej bona letero skribita aŭ ricevita de « plumamiko » en iu ajn parto de la mondo. La reguloj de la konkurso difinas, ke la letero havu ĝeneralan intereson kaj estu sendita aŭ de aŭ al la konkursanto. Leteroj ne enhavu pli ol mil vortojn, kaj fotografaĵoj de la du korespondintoj akompanu ilin.

La Ligo proponas ankaŭ premiojn por la plej bonaj traktatoj de ne pli ol 2.500 vortoj pri la Plumamika movado. Ĝi publikigos la premiitajn verkaĵojn en sia monata gazeto « Penfriend ».

Konkursantoj sendu siajn traktatojn aŭ leterojn al la Redaktoro, « Penfriend », 86 Theatre Communication Buildings, C. Place, New Delhi, Hindujo, antaŭ la 30-a de novembro 1960.

***

**DU NOVAJ INTERNACIAJ PREMIOJ POR VERKOJ DE FIKCIO.**

Du internaciaj premioj po 10.000 usonaj dolaroj estis kreitaj en konferenco de eldonistoj kaj redaktoroj el ses landoj sur la hispana insulo Majorko. La dato de la unua aljuĝo de la du premioj estos la 1-a de majo 1961.

Unu premio, la Premio Formentor (Prix Formentor), estas donota al la verkinto de la plej bona neeldonita manuskripto ricevita de la ses eldonistoj, kiuj kontribuis la monon por la premio. Ili estas Weidenfeld kaj Nicolson Ltd. de Britujo, Librairie Gallimard de Francujo, Ernst Rowohlt Verlag de Federacia Germanujo, Editorial Seix kaj Barral de Hispanujo, Guilio Einaudi Editore de Italujo, kaj Grove Press Inc. de Usono. La ses eldonistoj decidos la gajnanton de la Premio Formentor en kunsido, kiu okazos ĉiujare ne pli malfrue ol lastsemajne en aprilo. La premiita manuskripto estas eldonota samtempe en ĉiu el la ses landoj unu jaron post la aljuĝo de la premio, kaj la verkinto ricevos garantiitan minimumon de 10.000 dolaroj kiel aŭtoran pagon antaŭ la eldono.

La dua premio kreita en Majorko havas la nomon Internacia Premio de la Eldonistoj (International Publishers' Prize). Ĝi estas aljuĝota al la plej bona fikcia verko de vivanta aŭtoro, ĉu eldonita, ĉu neeldonita. La verko povas esti eldonita aŭ verkita en iu ajn lingvo en iu ajn lando. La premio celas konigi la eksterordinaran meriton de la premiita verko kaj havigi kiel eble plej multajn legantojn por la libro tra la mondo. La fina elekto estas farota de internacia komitato, kiu juĝos la verkojn laŭ ilia inspiro, formo kaj enhavo kaj laŭ ilia probabla influo al la evoluo de la literaturo.

***

**PREMIO DE WILLIAM F. RUSSELL POR KONTRIBUAJOJ AL INTERNACIA KOMPRENO.**

La Mondkonfederacio de Organizaĵoj de la instruista profesio anoncis la ĉi-jaran kreon de internacia premio — la premio William F. Russell — por instruisto, kiu faris eksterordinarajn servojn al internacia interkompreniĝo. La premio konsistos el irreven-vojaĝo per aviadilo al la jarkunveno de la Mondkonferenco, kaj kandidatoj estos elektitaj el anoj de la landaj asocioj, kiuj estas anoj de la Mondkonfederacio. La lando de la premiito ŝanĝiĝos de jaro al jaro.

# PENTRINDA INSULO

La aŭtobuso de Londono al **Portsmouth** rapidas tra glata ŝoseo, volviĝanta spirale inter la kampoj de l'aveno kaj tritiko, inter verdaj, densaj arbaroj. Ĝi surgrimpas montetojn pli aŭ malpli grandajn, pintajn aŭ milde deklivajn. Jen granda, longa, viglekolora verdaĵo ; jen profunda intermonto, kaŝanta malvastan rivereton ; jen vilaĝo kun vico da puraj dometoj, kun ĝardenoj plenaj de floroj. Ĉio brilas kaj ekkoloriĝas sub la suno. La aŭtobuso estas plena, ni ne haltas survoje escepte de kelkminuta interrompo por teo en malgranda, apudvoja restoracio en iu negranda urbeto.

La tempo forpasas rapide, kiam oni kun intereso rigardas ĉiujn trapasatajn vidaĵojn. Subite, kiam ni post unu ĉirkaŭturno rapidas malsupren de arbarita altaĵo, ekaperas la urbo **Portsmouth** kun sia haveno, ŝipoj velboatoj.

Por kelkaj el ni estas vojaĝfino ; ili eliras kun pakaĵo, babilas, salutas gekonatojn. Aliaj — mi inter ili — direktas sin al boato-pramo, kiu veturigos nin al insulo **Wight** videbla en distanco. La stacidomo troviĝas tuj apud la ĝetkajo kaj la alvenantaj unu post la alia vagonaroj elĵetas senĉese homamason.

La pramo estas plenplena, kiam ni ekveturas. Ni preterpasas la ŝipojn, starantajn en la haveno, velboatojn kun koloraj veloj kaj baldaŭ troviĝas sur la maro, ŝaŭmanta kaj brilanta sub la suno. Ni rigardas dum kelka tempo la malaperantan havenon de **Portsmouth**, la ĝetkajojn kaj helorajn sablojn de **Southea**, kaj poste ni ekvidas la arbarojn kaj montojn de la proksimiĝanta insulo. Post ĉirkaŭ duonhoro sur la maro ni eliras sur longan ĝetkajon de **Ryde**, plej granda urbo kaj haveno sur tiu insulo. Oni ne bezonas piediri sur la kajo ĝis la stacidomo — la vagonaro akceptas vin rekte de la pramo kaj portas al la loko de via destino. Oni ankaŭ povas iri per tramo, veturanta sur la kajo de la boatoj ĝis la stacidomo.

Estas varma, suna posttagmezo. Amaso da homoj en la stratoj kaj esplanado, plenaj kafejoj, oni aŭdas orkestron. Sur la maro aperis kaj malrapide moviĝas iu granda, hela ŝipo. De malproksimaj landoj certe... Sed ni rapidas tra la urbo kaj jam trapasas verdajn kampojn kaj arbaritajn montojn de l'insulo. Post mallonga tempo ni estas en **Sandown**, negranda ĉe-marborda urbo, belega somerrestadejo. Longa, hela de ora sablo estas ĝia marbordo, ĉirkaŭita maldekstre de verda altaĵo kun staranta ĉe supro blanka monumento, kiu de distanco aspektas kiel lumturo. Apud la blanka fono de la montodeklivo la maro respeguliĝas lazure. Oni povas promeni aŭ veturi per aŭtomobilo laŭlonge de la marbordo, pasante zoologian ĝardenon, tenisan kaj golfan terenon, vicon da hoteloj kaj restoracioj, grimpante supren kaj supren, ĝis la maro kaj rapidboatoj kaj la ĝetkajo kun staranta apud ĝi promenŝipo aspektos kiel iu belege pentrita pejzaĝo. Promenante kelkatempe, vi alvenos al **Sanklin**, alia marborda restadejo, videbla de **Sandown**. Vespere kiam oni promenas apud la marbordo tra lumigita promenstrato, oni vidas en distanco multege da brilantaj lampoj sur la stratoj kaj la ĝetkajo de **Sanklin** — urbeto algluita al la roka monto. La maro jen alproksimiĝas per fortaj batoj preskaŭ al la stratoj, jen fluas for ĉe mardefluo, forlasante pecon da freŝa malseka sablo. Belega landpeco estas tiu insulo kun sia verdaĵo, fruktaj ĝardenoj, malnovaj vilaĝoj, kun domoj kovritaj per pajlaj tegmentoj, kun historiaj kasteloj starantaj sur montpintoj tuj apud televido-turoj. Angloj ofte nomas la insulon « **Garden Isle** », insulo-ĝardeno, ĉar oni ĉie renkontas multnombre florojn, frutoarbojn, florantajn arbustojn. Ĝi estas insulo de kontrastoj, de diversaĵoj. Rokaj deklivoj apud sabloj longemejlaj, malgrandaj, kaŝitaj vilaĝetoj proksime al modernaj restadejoj, ripozlokoj kun komfortaj hoteloj. La insulo estas ideala loko por somerripozo kaj alloga por alilandaj vizitantoj.

Se oni deziras bone ekkoni tiun pecon de la lando, oni prefere traveturu ĝin per aŭtobuso. Dum kelkaj tagoj de mia restado mi veturis ĉirkaŭ la insulo, apud la maro, mi trapasis ĝin diversflanke. La « elirpunkto » de miaj ekskursoj estis **Sandown,** de kie komfortaj, verdaj aŭ specialaj aŭtobusoj portas la veturantojn ĉiudirekten.

Iun tagon mi veturis suden kaj ĉirkaŭ la insulo ĝis **Yarmouth.** Post matena nebulo la vetero fariĝis belega, sune kaj varme. La verda aŭtobuso suprengrimpis laŭlonge de **Sandown Bay,** preterpasis **Sanklin** kaj la faman malnovan vilaĝon, kaj rapidis sur volviĝanta vojo. La vidaĵoj estis mirindaj : abismoj, la maro kun sabloj tute malsupre videbla longdistance. Mi sidis sur la supra « ferdeko » de l'aŭtobuso kaj ofte devis fermi la okulojn, kiam ni preterpasis profundaĵojn kaj intermontojn. Ni alvenis al **Ventnor,** belega apudmara urbo kun la vico da vilaoj kaj hoteloj, situantaj ŝtuparsimile sur la montodeklivo. **Ventnor** estas konata somerripozejo kun famaj promenadoj kaj **Cascade Gardens** kaj ĝetkajo, al kiu alvenas promenŝipoj. Estas tre varme ĉi-tie, ĉar la urbeto estas ŝirmita de fortaj ventoj per sufiĉe alta monto.

Veturante plue, oni povas admiri maldekstre la vastan maron, dekstre la verdajn altaĵojn, kampojn kaj herbejojn. De temp' al tempo aperas apudvoje t.n. **holiday camps** — tendojn aŭ dometojn por libertempuloj. Ĉiuj domoj en vilaĝoj aŭ urbetoj situas en florĝardenoj. Ni vizitas survoje **Blackgang Chine** kun multaj rememoraĵoj de malnovtempaj kontrabandistoj. Ni pasas apud belega **Freshwater Bay** (Golfo) kaj la altaĵo **Highdown Cliffs**, kies kelkaj rokoj « eniras » la maron (t. n. **The Needles**) kaj sur la lasta roko en la maro staras malgranda, blanka lumturo. Oni ĝin pli bone povas vidi de **Alum Bay,** alia admirinda peco de la lando fama inter la turistaro pro siaj diverskoloraj sabloj. De **Totland Bay,** malgranda somerripozejo kun apudmara hotelo situanta sur altaĵo, oni povas promeni laŭlonge de la golfo ĝis la urbo **Yarmouth,** do kelkajn kilometrojn. La maro fariĝas tie pli kaj pli gaja. Aperas ŝipoj, ŝipetoj, rapidboatoj. Tra la maro oni vidas la sudan marbordon de Anglujo, ĉar la distanco inter la lando kaj insulo ne estas tie granda. Promenante sur la roka altaĵo, ni alvenas al alia somerrestadejo, **Colwell Bay,** jam pli malgranda, pli trankvila. Ni rigardas la lumturon alifanke de la mara-golfo, preterpasas malnovajn fortikaĵojn kaj eniras malvastan arbaran vojeton. Estas tre trankvile, nenion oni vidas krom arboj, herboj, nekulturitaj floroj, amason da rubusoj, nigraj kaj tre bongustaj.

Kiam oni alproksimiĝas al **Yarmouth** oni ekvidas multe da velboatoj kaj diversaj ŝipetoj. La aŭtomobiloj staras en tri vicoj por surŝipiĝi sur la pram-boaton. **Yarmouth** estas plej grava urbo en okcidenta **Wight,** de kie regule veturas pramoj tra la marpeco nomita

**Solent** al urbo **Lymington.** La urbo mem estas malgranda kaj malnova kun malvastaj stratoj (kie ni inter alie admiris martemajn pentraĵojn de iu ĉitiea pentristo, kiu vendas ilin en propra vendejo). Malnovaj preĝejoj kaj kastelo interesas la turistojn, kiuj multnombre alvenas ĉi tien.

Plej granda haveno sur la insulo estas **Cowes,** de kie regule veturas pramoj al grava havenurbo **Southampton.** Kiam mi alvenis tien okazis fama boatfesto. Amaso de boatoj kun diverskoloraj veloj kolektiĝis en la golfo kaj apud la haveno. Mi staris longe sur la apudmara promenada strato kaj admiris tiun karakterizan vidaĵon, mirante, kiamaniere la grandaj pramoj kaj malgrandaj rapidboatoj povas moviĝi lerte inter tia amaso da velboatoj. Oni ne povas vidi **Southampton,** nur iom da domoj kaj arboj en distanco kaj sur la maro la ŝipojn malrapide moviĝantajn al la haveno.

Pri la insulo **Wight** kaj ĝiaj multnombraj urbetoj, vilaĝoj kaj havenoj oni povus longe skribi kaj paroli. Post tiuj kelkaj pasigitaj tie tagoj mi havas neforgeseblajn rememorojn. Antaŭ miaj okuloj ankoraŭ aperas la intermonta vojo al **Newport** — plej granda urbo en la mezo de l' insulo, kun kastelo griza sur montdeklivo, kun amaso da ruĝbrikaj dometoj en la valo de la rivero **Medina.** En memoro mi ankoraŭfoje vizitas la palacon **Osborne** inter granda ĝardeno kun maljunaj arboj. Mi rememoras en iu vilaĝo la ĝardenon, kiun oni plenigis per modeloj de palacoj, kasteloj, ĝetoj, ĉio aspektanta kiel en naturo. La multnombraj golfoj pasas preter miaj okuloj, mi vidas trankvile starantajn boatojn dum la mardefluo (*) ; la tendarojn kiel mozaikon sur la montodeklivoj, la blankajn apudmarajn rokojn. Mi promenas, kiel antaŭ nelonge, sur la longa esplanado de **Ryde** kun multaj hoteloj, kafejoj. Ĉie multe, multe da floroj. Gia ĝetkajo estas vere tre longa kaj la tramoj rapidas sur ĝi. De tie la pramboato alprenis min for de la insulo **Wight.** Mi esperas alveni denove al bela Gardena Insulo.

Jadwiga Rydygier.

(*) malfluso.

## Roland DUPUIS 50-jara

La konata esperanto-kursgvidanto kaj muzikprelegisto, Roland Dupuis, Stokholmo, iĝis 50-jara la 24-an de majo 1960.

Post ĝisfunda ellerno de nia lingvo kaj gvidado de kursoj en sia hejm-lando, Francujo, li partoprenis la mondkongreson esperantistan en 1934 en Stokholmo, kiam li ekamis Nordon kaj decidis nepre reveni tien ĉi.

Dum pluraj jaroj li agadis kiel instruisto kaj prelegisto en Nederlando, kie en 1938 aperis lia traduko « **Rakontoj pri Nederlando** » de Georges Duhamel kaj la postan jaron « Norda kanto » de la sama aŭtoro.

Ek de 1948 **Sveda Eldona Societo Esperanto** en Stokholmo dungis lin kiel oficiston, kie li dejoris dum dek jaroj. La sama eldonejo aperigis en 1953 lian eminentan tradukon « **Normandaj Rakontoj** » de Guy de Maupassant, kiun siatempe la kritikistoj vicigis inter la plej belaj dek libroj esperantaj.

En 1955 li organizis la sukcesan 40-jaran jubilean rapsodion kongresan en Bolonjo.

Multajn landojn de Esperantujo li traflugis sur la flugiloj de Beethoven, Chopin kaj Grieg, sed speciale li ŝatigis sin per interpretado de muzikaj genioj, en la Stokholma Grupo Esperantista, al kies estraro li apartenis dum kelkaj jaroj.

Ĉe la transpaŝo de la duoncentjara limo ni elkore gratules nian sindonan samideanon kaj bondeziras pri sukcesa daŭrigo por la bono de nia afero !

Io Iu.

El « La Espero » (majo 1960).

S-ro Y. Koakutsu, 3830, 2-chome, Minami-machi, NERIMA-Ku, **Japanujo** — dez. interŝ. unuatagan koverton aŭ bk. kun S-ano de Paris, Lyon, Marseille, Bordeaux k.t.p.

•

S-ro Carlos Mestre Descals, Serranos 20, 3°, la, **Valencia,** disponas je du ĉambroj por lui al geesperantistoj, dezirantaj resti kelkan tempon en lia urbo. Oni skribu al li por la detaloj.

•

S-ro K. Afanasjeu, **U.S.S.R.** Takent,, 6, Poŝtrestante, deziras korespondi kun ge-francoj.

## Bibliothèque Circulante

A la demande de plusieurs espérantistes, il a été décidé de créer une bibliothèque circulante, dont le règlement est le suivant :

— Chaque abonné recevra chaque mois un livre, qu'il pourra conserver tout le mois.

— Le prix de la location sera le dixième du prix du livre. (En cas de non paiement, la garantie de 5 NF appartiendra à la bibliothèque).

— Chaque liste d'abonnés a 12 lecteurs.

— Les envois par la poste seront payés par chaque abonné.

— En cas de perte, l'abonné sera responsable et paiera le prix du livre.

Pour tout ce qui concerne la bibliothèque circulante, adressez-vous à :

F-ino S. CHAUVET,
Saint-Laurent-du-Bois,
par Gornac (Gironde).

C.C.P. Bordeaux 716.07.

**F. F. E. A.**

La ĝenerala kunveno de F.F.E.A. okazos la 18-an de decembro en la salonoj de « Foyer Nord » — 18, rue de Dunkerque — en Parizo. Post la kunveno ni kune tagmanĝos en la kantino de la Norda stacidomo.

*Ne forgesu la daton : 18-an de decembro.*

## POR FERIOJ...

**6-a Skiferio kaj grava skikonkurso de T.E.J.O. en FILZMOOS, Aŭstrujo.**

**Loko :** La ferio okazos ree en la « Pension Reithof », kiu situas surdeklive kvaronhoron super la vilaĝo FILZMOOS. Gin vi atingas, veturante per la trajno al EBEN IM PONGAU (aŭ al RADSTADT). La aŭtobuso forveturas de tie je la 26-a de decembro je la 8,55-a ; 12,15-a ; 15,25-a kaj 19,30-a horoj. Ankaŭ estas troveblaj

taksio aŭ taksibuso por ĝis dek personoj je relative modera prezo. De Radstadt la aŭtobuso forveturas ĉiam duonan horon antaŭ la supre indikita tempo.

**Tempo kaj prezo :** La skiferio okazos de la 26-a de decembro 1960, vespere (komenco per la verpermanĝo) ĝis la 8-a de januaro 1961 matene (fino per la matenmanĝo) kaj kostos po 680, — Aŭstr. ŝilingojn persone (por dektri tagoj). Por ebligi la partoprenon ankaŭ al personoj, kiuj ne havas tiom da tempo, oni ankaŭ povos partopreni : aŭ de la 26-a (12-a vespere) ĝis la dua (1-a matene) sep tagoj ; aŭ de la 2-a ĝis 9-a de januaro — sep tagoj. La kostoj por 7 tagoj estas po 410, — ŝil. persone. Infanoj malpli ol 12-jaraj havos rabaton de 25 %, ĝis kvinjara 40 %. Restado post la 8-a, respektive 9-a de januaro eblos je reduktita prezo. Malplilonga resto ol sep tagoj nur eblos kontraŭ pago de la resp. parto plus 35,- ŝil. por ĉiu mankanta tago. ANTAŬPAGO : Po 250,- ŝil. persone, por infanoj la indikitajn procentojn malpli. La antaŭpago en okazo de nealveno de la aliĝinto ne povos esti redonita. ALIĜON kaj ANTAŬPAGON sendu samtempe kaj laŭeble tuj al **S-ro Heinrich Reiter, WIEN XII, Altmannsdorferstrasse 90/1.** Aliĝo sen antaŭpago ne validas. La aliĝon sendu laŭeble antaŭ la 20-a de novembro, por akcepto de pli poste alvenontaj aliĝoj, ni ne povas garantii, tamen ili laŭ ebleco estos akceptotaj. Skikonkurso estas organizita ; skioj kaj skiŝuoj estos lueblaj en Filzmoos je la prezo de po 8 ŝilingoj (skioj) kaj dek ŝilingoj (ŝuoj) tage. Por informo sin turni al S-ro Heinrich Reiter, estrarano de TEJO por sporto kaj renkontiĝoj — Wien XII — Altmannsdorferstr. 90/1.

### ESPERANTISTA SKIFERIO ADELBODEN SVISLANDO

**24-an de decembro 1960 — 2-an de januaro 1961**

ADELBODEN estas skistacio en la Bernaj Alpoj alta je 1400 metroj.

Por la kvina fojo ni organizas skiferion, ĉar la pasintaj ĉiam majstre sukcesis. Ni donas al vi ĉi-sube la necesajn informojn.

**AĜO :** de la 16-a jaro, kaj ĝis oni ne plu sentas sin sportema !

**LOĜEJO :** Propra bela ĉaledo (alpa lignodomo) en la koro de fame konata skiparadizo nin atendas. Ĉiuj helpos en la interna doma laboro : kuirado, purigado... Por la tranoktado estas pajlomatracoj kaj litoj.

**PROGRAMO :** Skiekskursoj, glitŝuado, ekskursoj, festoj : kristnasko, novjaro, lernado de belaj horoj, orgenkoncerto, prelegoj, prezento de kolorkliŝoj pri la pasintaj skiferioj...

**PREZO :** Por la tuta restado : svisaj frankoj 95.- (320 steloj). Ĉio estas enkalkulita : loĝado, hejtado, ĉiuj manĝoj, akcident-asekuro... Por parta partoprenado (almenaŭ 3 tagoj) : ĉiutage sv Fr. 12.- (40 steloj).

**AVERTO :** Tiu skiferio estas organizita por esperantistoj. Ni rekompencos per monrepago la bonajn esperantistojn, kiuj ne « krokodilos ». Se venas esperanto-komencantoj, ili devas antaŭ la skiferio almenaŭ esti trastudintaj esperanto-gramatikon. Ni ne plu akceptas tiujn profitulojn, kiuj klaĉas la tutan tagon nacilingve ! Ni preferas esti malplimulte nombraj sed havi veran samideanan atmosferon.

**VOJAĜO :** De la fervoja stacidomo « Frutigen » vi veturos per aŭtobuso ĝis la haltejo « Schützenbrücke » (unu haltejo antaŭ Adelboden mem). Tie vi trovos indikilon kun la nomo ESPERANTO kiu montros al vi la vojon.

**ADRESOJ :** Por aliĝi skribu al ESPERANTO, **LA SAGNE** (NE), Svislando.

Dum la skirestado la adreso estos : ESPERANTO, Chalet Egghaus Boden, **ADELBODEN,** Svislando.

**ALIĜO :** Bonvolu aliĝi kiel eble plej rapide pere de poŝtkarto, kie vi mencias vian nomon, antaŭnomon, adreson, naskiĝdaton, profesion, alventagon kaj forirtagon en la skirestado kaj eventualajn rimarkojn. **(Bonvolu skribi presliteree).** Giru samtempe la antaŭpagon de svisaj frankoj 25.- (84 steloj) al nia poŝtĉekkonto ESPERANTO-JUNULARO DE SVISLANDO, **LA SAGNE** (Neuchâtel) IV 6291.

Aliĝo nur valoras post la ricevo de la antaŭpago.

**ATENTU :** Muzikantoj estas petataj kunpreni sian muzikinstrumenton. Estas eble lupreni skiojn, ŝuojn, glitŝuojn en Adelboden. Nia ĉaledo ne estas elasta, do tuj aliĝu kaj ne hezitu ĝis ĉiuj lokoj estos okupitaj ! La aliĝantoj ricevos pliajn informojn.

La Esperanto-junularo de Svislando.
La Esperanto-edukistaro de Svislando.

---

### SUKCESA 2-a GEOGRAFIA SEMAJNO

En Rovinj, sur la nordjugoslavia marbordo, sur la Adriatiko, la 2-a Geografia Semajno okazis de la 8-a ĝis la 15-a de aŭgusto, laŭ antaŭvidita programo.

La tendodometoj de la geografoj troviĝis, inter multaj aliaj similaj, sur la pitoreska arbarkovrita insulo Katarina, en konstanta boatkomuniko kun la haveno de la urbeto Rovinj.

Ankaŭ ĉijare la vetero tre favoris la Semajnon, ĉar el la sep tagoj kvin estis sunoplenaj kaj donis eblecojn por perfekta somerumado. La kristalpura akvo de la blua Adriatiko montriĝis ideala tereno por submara esplorado, kaj la matena freŝeco de la pinarbaro plenigis la pulmojn de la amantoj de la joga sistemo, kiun pluraj membroj regule praktikadis.

Guindaj estis la ekskursoj al la antikvaĵoj de la urbo Rovinj, kaj al la belega Ruĝa Insulo. Sed precipe instrua por la partoprenantoj estis la klarigita vizito al la fabrikejo de fiŝkonservoj « Mirna », kie ili havis la okazon studi la funkciadon de la fabriko kaj ĝian ekonomian fonon.

Dum la semajno okazis 5 prelegoj. Du pri Finnlando, faritaj de la finna samideano J.V. Kostiainen, dum pri Nepalo, pri Japanujo kaj uri la ajnua popolo prelegis kun lumbildoj kaj magnetofona muziko Lic. Tibor Sekelj. Krom tio okazis studrondoj pri antropologiaj kaj geografiaj temoj, kaj muzika vespero « Promeno tra Azio ».

Denove montriĝis ke la kunveno de geografoj kaj antropologoj — profesiaj kaj amatoraj — kaj de aliaj esperantistoj interesataj pri esploradoj kaj vojaĝoj, povas transformiĝi en somerumadon utilan kaj agrablan samtempe, por relative malalta kosto. Pere de tiu ĉi Geografia Semajno la Internacia Geografa Asocio plenumis pluan gravan taskon.

La 3-a G.S. okazos tuj post la 46-a U. Kongreso, ie en Britujo tiel ke multaj kongresanoj povu ĝin partopreni. Detaloj sekvos.

G. S.



# USONAJ IMPRESOJ

**Vespero en Chicago.**

Laŭ la hazardo de la vojaĝo mi renkontis svison, kiu havas sufiĉe altan komercan oficon kaj kiu invitis min en sian hejmon okaze de speciala vespero.

Je la ĝusta horo mi korekte alvenis, kaj li tuj prezentis sian edzinon, kiu kvankam amerikanino bonvenigis min en la franca lingvo. Kiam mi eniris brile lumigitan grandan salonon plenan de pentraĵoj, nur unu mezaĝa virino sufiĉe dekoltita estis trinkanta flavaĵon. Oni prezentis min al ŝi. Mi salutis kaj prezentis mian manon. Tiam ŝi rigardis min iom surprize kaj prenis mian manon heziteme. Ĉu mia mano estas malpura ? pensis mi. Iom embarasitaj, ni ekparolis kaj baldaŭ alia viro envenis ; por saluti la virinon li klinis la kapon kaj simple diris « *Kiel vi fartas ?* ». Ŝi same parolis, sed neniu el ili respondis al tiu demando ; ili tuj parolis pri komuna konatulo. Tiam mi komprenis, ke mi agis malkorekte, premante manon de nekonata virino. Aliaj invititoj eniris, kaj baldaŭ 40 personoj, trinkante kaj manĝante sandviĉojn kaj kukojn, babilis en grupoj de 3 ĝis 6 personoj. Kvankam troviĝis proksimume 20 seĝoj en la ĉambro, preskaŭ neniu sidis krom 2 maljunaj virinoj. Kion diri pri la konversacioj ? Same bagatelaj, kiel en Francujo ; tamen grava lipharulo iom blankhara, brile parolis pri la tempo, kiam li estis diplomato en orienta parto de Eŭropo. Apude, juna francino, kiu edziniĝis al usonano, montris sian ĉagreneton esti for de Parizo kaj ĉefe de sia familio, sed post kelkaj bonaj trinkaĵoj ŝi ŝajnis tute feliĉa.

En alia angulo de la ĉambrego, eleganta reprezentanto blufe parolis pri nova ĥemiaĵo, kiun li ekvendis.

Al specialisto pri politika ekonomio mi faris demandojn. Kion Usono intencas fari kontraŭ la krizoj, senlaboreco, k.t.p. ? Baldaŭ li ŝajnis esti tre laca — kaj subite li forlasis min por petoli kaj ridi kun kvar admirantinoj.

Mi tre ĝuis konversacion kun elmigrinto el Hungarujo, kiu faris komparon inter Eŭropo kaj la vivo en Ameriko. Por li, la vivnivelo en Usono, kiu estas tri aŭ kvarfoje pli alta ol la franca, signas superecon. Tamen li konfesis, ke la kulturo en Eŭropo estas pli ĝenerala, kaj pli vasta. Bedaŭrinde la edzino baldaŭ venis al li kaj diris « *Karulo, bonvolu iri kaj kontroli, ĉu bebo dormas* ». La vojo ne estas longa, ĉar ili loĝas en la suba apartamento ,sed post 30 minutoj kun la edzino mi enketis pri li - kaj tiam ŝi diras « *Li certe estas laca kaj li probable nun dormas* ». Danke ŝin, mi lernis, ke la edzoj tute ne cerbumas post la laboro, ke la virinoj organizas ĉion por la domo, familio, por semajnfino, k.t.p. La edzinoj havas multe da laboro - por infanoj, manĝaĵoj, purigadoj - ĉar ili ne volas pagi salajron de po unu dolaro en horo por helpantino. Por lavi unu fenestron, specialisto petas duonon de dolaro.

Konstante servisto kaj negrino cirkulis, proponante trinkaĵojn kaj manĝaĵon ; la konversacioj iĝis pli bruemaj. Viskio efikas ! Lacaj stari sur unu aŭ du piedoj, la dudek ĉeestantaj personoj nun sidis aŭ kuŝis sur la tapiŝo.

Venis por mi la momento por foriri diskrete (ni francoj diras : « *laŭ la angla maniero* »), tamen dankante miajn gastigantojn pro tiu tre agrabla vespero.

J. G.

*
* *

**« Sudamerikaj Problemoj ».**

**Internacia Seminario de Germana Esperanto-Junularo en Oldenburg, Oldbg.**

Kiel en la pasintaj jaroj ni aranĝos inter Kristnasko kaj Novjaro nian tradician Seminarion, al kiu ni kore invitas niajn eksterlandajn geamikojn.

Jen la unuaj informoj :

*Loko :* Junulargastejo de Oldenburg/Oldbg., situanta en nordokcidenta Germanujo proksime al Bremen.

*Tempo :* De la 26-a de decembro 1960 ĝis la 1-a de januaro 1961 ; la malfermo okazos la 26-an de decembro vespere, la fermo la 1-an de januaro tagmeze.

*Programo :* Ĉefa temaro estos « *Sudamerikaj problemoj* » pritraktitaj per prelegoj kaj sonbendaj raportoj el Sud-ameriko ; krome okazos film- kaj lumbildprezentadoj, diskutoj pri la esperantista junularo, surbendigo de raporto pri la Seminario, ekskursoj kaj silvestra balo.

*Prezo :* Pro ŝtata subvencio, la prezo (enhavanta loĝadon kaj ĉiujn manĝojn) estos nur 40,- GM por gepartoprenantoj malpli ol 25-jaraj, kaj 50,- GM por pli ol 25-jaraj. Parto de la vojaĝkostoj (ĝenerale 50 %) sur la linioj de la Germana Federacia Fervojo estos repagita al la gepartoprenantoj malpli ol 25-jaraj.

*Aliĝo :* Ĝis la 1-a de decembro 1960 al *Germana Esperanto-Junularo, T 6/18, Mannheim, Germanujo,* kiun indiko pri nomo, antaŭnomo, preciza adreso, naskiĝdato kaj profesio. Por plifaciligi nian laboron, bonvolu aliĝi kiel eble plej baldaŭ.

Koran bonvenon en Oldenburg/Oldbg. !
*Germana Esperanto-Junularo - Federacia Estraro.*

# Sous le Patronage du Ministère de l'Éducation Nationale

## STAGE PEDAGOGIQUE DESTINE A FORMER DES EDUCATEURS D'ESPERANTO

Du 8 au 15 décembre 1960
à Perpignan (P. O.)

*Jeudi 8 décembre* 1960 à 17 heures, Ecole Racine, rue de la Lanterne. Première conférence de stage, par M. René LLECH-WALTER, Directeur des Conférences de l'Association Polytechnique, Président du Centre Culturel.

*Vendredi 9 décembre* 1960 à 18 heures, au Centre Culturel, 5, Quai Vauban, « Histoire de la langue « Espéranto », par M. André RIBOT, licencié d'anglais.

*Samedi 10 décembre* 1960 à 16 heures, au Centre Culturel, « Les auteurs espérantistes et leurs œuvres », par M. Dario RODRIGUEZ LOPEZ DE SILVA, Professeur d'Espéranto à Madrid. Lectures, par M. GENDRE d'Ille-sur-Têt.

*Dimanche 11 décembre* 1960 à 10 heures, Ecole Racine, rue de la Lanterne, « L'utilité d'une bonne diction pour les éducateurs d'Espéranto », par M. René LLECH-WALTER, ancien Maître-auxiliaire de déclamation à l'E.P.S. de Perpignan.

*Lundi 12 décembre* 1960 à 18 heures, au Centre Culturel, « La méthode directe », par M. DARIO RODRIGUEZ LOPEZ DE SILVA.

*Mardi 13 décembre* 1960 à 20 h. 30, à l'Ecole Normale de Garçons, Place Jean-Moulin, Perpignan, « Comment faire un Cours d'initiation à l'Espéranto à de jeunes élèves », par M. René LLECH-WALTER et causerie en Espéranto par M. Dario RODRIGUEZ LOPEZ DE SILVA.

*Mercredi 14 décembre* 1960 à 17 heures, Ecole Jean Alio, Centre Ménager, Perpignan, « Le magnétophone, instrument précieux pour l'Enseignement de l'Espéranto », exercices pratiques (Mlle VIDAL, M. LLECH-WALTER).

*Jeudi, 15 décembre* 1960 à 17 heures, Ecole Racine, rue de la Lanterne, à l'occasion de l'Anniversaire du créateur de l'Espéranto, « La Vie du Docteur Zamenhof », par le Professeur Dario RODRIGUEZ LOPEZ DE SILVA. (Le Comité Exécutif de l'Unesco réuni en séance plénière a décidé de commémorer en 1960, six grandes personnalités de l'humanité au nombre desquelles, se trouve, le Docteur ZAMENHOF, créateur de l'Espéranto, né le 15 décembre 1859).

Une exposition sur la valeur culturelle de l'espéranto sera organisée à l'Ecole Normale, Place Jean-Moulin ; cette exposition pourra être visitée par tous les stagiaires.

Les commentaires seront faits par M. LENTAIGNE, Instituteur, à Montpellier, professeur d'espéranto à l'Ecole Normale de Montpellier.

## ĈU VI JAM METIS TABULON sur la tenduman kampon de via urbo ?

Ni sugestas al la grupoj facilan kaj ne tro multekostan informagadon.

En via urbo verŝajne ekzistas *tendumejo*, kiu dum la somero certe akceptas multajn feriantojn francajn kaj *eksterlandajn*.

Oportune estus peti la permeson meti en bone vidatan lokon de la tendumejo malgrandan tabulon kun grandlitera vorto : *ESPERANTO* kaj verda stelo. Skribu malsupre la linion : « *delegito en...* » kun la delegita kaj eventuale grupa adresoj.

Se tiajn tabulojn la tendumantoj vidus en multaj lokoj, la efiko estus certe bona.

Agadu sammaniere por la *junulgastejoj*.

## ZAMENHOF-STRATOJ

En Saint-Laurent-du-Var (9 km de Nico) ekzistas « Allée Zamenhof », kie loĝas S-ino Reņée LUQUET.

## VETERANO

En Cholet, 13, place Bretonnaise, vivas S-ro Marius DOUE, 92-jara, membro de UEF, kiu esperantistiĝis verŝajne en 1906 aŭ 1907 kaj prezidis sekcion de l'Pariza Grupo en 1909.

## NASKIĜOJ

*Naskiĝis :*

ANDREO, pranevo de F-ino FERCOCQ

NICOLE, la 11.junio 1960, filino de Ges-roj Lilli kaj Lucien GILOTEAUX.

## NEKROLOGO

Nia samideano Jean PELLETIER de St-Jean-de-Luz havis la doloron perdi sian filon Jean-Jacques, kiu estis 21-jara.

Ni sincere kondolencas.

## ERRATUMO
### (nº 193 - sept. 1960)

Anstataŭ :

*p.* 116, kol. 1 : b) ORAL. 1 — L'épreuve de vocabulaire consiste essen-

legu :

a) ECRIT. 1. — La version peut être dictée ou *dacty-*

*p.* 120, *kol.* 1 : Zamenho-jaro — Zamenhof-jaro.
*p.* 121, *kol.* 1 : mi neniel komprenas, kiel — mi neniel komprenas, kial —

NOVEMBRO : Kotiza Monato.

# RECENZOJ

La redakcio recenzigas nur duope ricevitajn librojn, ĉar 1 ekzempleron ricevas la biblioteko.

**« FERMENTARIO », de Carlos Vaz Ferreira.** Traduko de Manuel Fernandez Menendez. Eldono de la Urugvaja Esperanto-Societo, Montevideo. 264 paĝoj. Prezo : 2 dolaroj. Havebla ĉe U.E.F. : 1.00 fr. (10 NF.).

En Oktobro de 1952, Vaz Ferreira, eminenta urugvaja filozofo, atingis la 80-jarecon. Niaj montevideaj samideanoj volis honori tiun ĉi grandanpensulon, tradukante unu el liaj verkoj kaj tiel diskonigante ĝin al la tutmonda esperantistaro. Carlos Vaz forpasis antaŭ la fino de tiu laboro, sed nun ni povas ĝui belan, legindan kaj pripensindan verkon en nia lingvo, dank'al la tre bona traduko de S-ro Manuel Fernandez. Ĝi traktas kelkajn el la ĉefaj problemoj, kiuj staras antaŭ la homa penso, sed faras tion per facila stilo, ne postulante troan streĉon de la leganto. Estas serio de unu-, du-, aŭ kelkpaĝaj artikoloj, post kiuj estas konsilinde halti kaj mediti. Kelkaj titoloj : « *la naiveco pri la malbono* », « *Racio kaj sperto* », « *Instrui heziti* », « *Homoj de pensado kaj homoj de agado* », ktp.

La traduko de S-ro Fernandez estas tre klara kaj ŝajnas tre fidela al la originalo. Li ne volis traduki la hispanan titolon ; ne serĉu « fermentario » en via esperanta vortaro, estas hispana vorto, kiu signifas « fermentado », kaj kiun C. Vaz Ferreira uzis metafore, en la senco de spirita agitado, ideo-fermentado. Estas ankaŭ en la verko multaj francaj citaĵoj, kiujn la tradukinto zorge rekopiis kaj sekvigis per la traduko en esperanto. Vi tiel ekscios, ke la vortoj « *je m'en plâne* » estas franca esprimo, kiu signifas : mi ŝvebas super tio. Vi vidas, ke oni povas perfektiĝi en la franca lingvo, legante esperantan tradukon de urugvaja verko !

Libro rekomendinda al seriozuloj kaj ŝatantoj de bona literaturo.

H. D.

***

**VOĈO DE ISLANDO,** eldonita de Fed. de Islandaj Esperantistoj. Poŝtkesto 1081. Reykjavik.

Antaŭ pli ol 7 jaroj la islanda Federacio de Esperantistoj eldonis samtitolan gazeton, kies aperado daŭris nur 2 jarojn pro financaj kaŭzoj.

Lastjare, redaktoroj Olafur S. Magnusson kaj Baldur Ragnarsson revivigis tiun ĉi gazeton po du numeroj ĉiujare (por komenco).

En la unua numero de la 4-a jaro (julio 1959) oni povis legi kelkajn rakontojn el la islanda verkisto Þorsteinn Erlingsson (1858-1914).

Estas necese kaj interese subteni la aperadon de tiu nova gazeto el izolita insulo ; oni povas ĝin aboni per libervola abonprezo.

J. R.

**MOJCA ETULINO. — Ilustris Maria Kraljeva. Eld. Mladinska Knjiga.** — Ljubljana 1960. Prezo : 1,25 NF.

En tiu karintia popola rakonto rolas knabineto kune kun la tradiciaj bestoj de la fabeloj : lupo, urso, leporo, kaj la frandema kaj ruza vulpo (kiu, cetere, estas ĉi-tie vulpino !). La fino estas kruela, sed kiel en ĉiuj fabeloj kaj fabloj instruiga. Ne mankas fantazio : vi ekscios, kial la antaŭaj kruroj de la leporo estas malpli longaj, ol la malantaŭaj. La tekston ornamas multnombraj bildoj, parte nigraj, parte koloraj.

La lingvo estas bona ; ni riproĉos nur *tri foje* anstataŭ *trifoje*, kaj la uzon de *teo* en la senco de *tizano*.

Do, jen nova libro por niaj infanoj — kaj komencantoj. Niaj slovenaj samideanoj solvis la problemon, kiun Esperanto-Press (Kanado) — kies pioniran laboron sur tiu tereno ne decas forgesi — ne povis ĝis nun solvi, nome la eldonon de moderpreza (eĉ tre malmultekosta) bildlibro por infanoj. La ŝtata eldonejo, kiu ĵus donacis al ni tiun ĉi libreton promesas baldaŭan eldonon de du aliaj. Nepre kuraĝigu tiun iniciaton !

Michel DUC GONINAZ.

# GAZETARA SERVO (E. MOTILLON)

**AU MAROC.** — Le quotidien paraissant à Kénitra (ex-Port-Lyautey), dans son n° du 15-12-59, a publié un article documenté sur l'espéranto, à l'occasion du centenaire du Dr Zamenhof fêté par le Groupe de Kénitra, sous la présidence de M. Thollet.

**CHAINE DE BONTÉ.** — Sous ce titre, le « Progrès », dans son n° de mars, relate l'initiative d'une espérantiste de Vals-les-Bains, qui a pris contact avec un espérantiste de Kiev (Ukraine) et avec la Croix-Rouge, pour obtenir un vaccin introuvable en France, afin de sauver une jeune maman de 24 ans.

La grava revuo « **Science et Vie** » de aprilo, sub la titolo : « Morgaŭ, la maŝinoj parolos por la homoj » studas la demandon pri internacia lingvo. La verkinto konkludas, ke la morgaŭa « scienca » lingvo estos preciza kodo, utiligota per elektronaj maŝinoj. Tamen, li longe parolas pri Esperanto kaj ĝia sukcesoj. Kvankam ne plene favora per siaj konkludoj, tiu artikolo certe devas inciti scivolulojn je senpartia esploro de Esperanto.

En « **Combat** » de la 30a. de marto, artikolo, kie estas neita la efikeco de Esperanto... ĉar ekzistas tradukmaŝinoj ! Kaj tamen, la jurnalisto konfesas, ke tiuj maŝinoj tute ne taŭgas por traduko de literatura verko, kaj konkludas, ke eble ni devas akcepti kun rezignacio, la neeblecon de tuja internacia interkompreno ! (Kio, ŝajne tute ne estas konforma je la titolo de la jurnalo).

**L'ESPÉRANTO EN UNION SOVIÉTIQUE.** — « France-U.R.S.S. dans son n° de juillet-août : La position officielle vis-à-vis de l'Espéranto n'est pas défavorable. En effet, on n'ignore pas que des écrivains tels que Gorki, Lou Sin, Barbusse et des savants, tels que Fersman, Obroutchev et Einstein accordaient une grande valeur à l'Espéranto. (Lou Sin est un écrivain chinois dont plusieurs œuvres ont été traduites dans la Langue Internationale, notamment un intéressant recueil de nouvelles « Sovaĝa Herbaro »).

**AUTRES ARTICLES REÇUS AU COURS DES DERNIERS MOIS**

**« La Montagne »** (Clermont-Ferrand) du 16-5 et 19-5 ; **« La Liberté »** de Clermont-Ferrand du 18-5. Congrès de la Fédération du Massif Central. — **« La Dernière Heure »** du 20-2. L'Espéranto à la radio. — **« Les Dépêches »** de Dijon et le **« Bien Public »** de Dijon ont publié 12 articles dont plusieurs sur le Congrès de la Fédération de Bourgogne, avec photos ; **« L'Est Républicain »**, 3 articles dont un illustré. — **« Le Progrès de Lyon »**. 9-3, Le Congrès de Montélimar. — **« La Haute-Marne Libérée »** (Chaumont). 22-4, Congrès de la Fédération de Bourgogne. — **« Le Républicain Lorrain »**. 15-3, Mlle Joŝiko Kajino à St-Avold, avec photo. — **« La France »** (Bordeaux). 21-1, Conférence de M. Maureille, Inspecteur d'Académie sur le Dr Zamenhof et l'Espéranto. — **« Nouvelle Républiqque »** (Bourges). 30-5, Soirée Espérantiste à l'Ecole Normale d'Institutrices sur la Nouvelle-Zélande. — **« Bulletin du Centre Régional de Documentation pédagogique de Marseille.** N° de mars, Le Centenaire du Dr Zamenhof. — **« Clamart-Solidarité »** (Clamart). N° de mai-juin, Chronique Espérantiste. — **« Courrier de l'Ouest et du Bocage »** (Domfront) 21-5 et **« La Publication Libre »** (Domfront). 22-5, Le Congrès de Normandie. — **« Nouvelle République »** (Tours). 13-4, Chronique philatélique, reproduction du timbre bulgare à l'effigie de Zamenhof. 3-6, Au Japon avec le Groupe Espérantiste. — **« Nord-Eclair »** (Lille). Adresses des délégués d'U.E.A., le 13-1 ; le 27-1, Visite du samideano japonais M. Eizo Itoo, avec photo. — **« Lundi-Matin)** (Nancy). 23-5, Congrès de la Fédération de l'Est, avec photo. — **« Ouest-Normandie »**. 13-3, Chronique Espérantiste. — **« Courrier de l'Ouest »** (Angers). 21-4, Exposition-conférence sur l'Ousbekistan par le Groupe Espérantiste. — **« La Liberté »** (Thiers). 13-1, Varsovie et le Congrès Universel. — **« Liaison »** (Organe du Comité d'Etablissement de la Régie Renault, au Mans), dans son n° de juin-juillet consacre deux pages à l'Espéranto. — **« Nouvelle République »** (Angers). 19-7 et 22-7 ; **« Courrier de l'Ouest »** (Angers). 22-7, Balzac et A. France, thème de la rencontre internationale espérantiste au Château de Grésillon. — **« La Nouvelle République »** (Tours). 10-7, L'Espéranto à St-Avertin. — **Edition du Maine-et-Loire.** 18-8, La vie à Grésillon. — **« Le Courrier de l'Ouest »** (Angers). 16-8, La Maison Culturelle Espérantiste. Le 6-8, Le Congrès de T.E.J.O. à Rotterdam avec photo. — **« Le Maine Libre »** (Le Mans), 8-8, Chez les Espérantistes sarthois. — **« Ouest-France »**. 26-7 et 30-7 ; **« La Nouvelle République »**. 30-7, dans leur édition de la Sarthe ; Soirée espérantiste franco-yougoslave au Mans, avec photo. — **« Ouest-France »**. 20-8, Visite au Mans du Président du Groupe Espérantiste de Stuttgart avec photo. — **« Sud-Ouest »** (Bordeaux) a publié 11 articles ou informations depuis le 1-1.

**CONGRÈS DE BRUXELLES.** — Comptes rendus dans : **Sud-Ouest** (Bordeaux), **Courrier de l'Ouest** (Angers), **Nouvelle République** (Bourges), **Berry Républicain** (Bourges), **Courrier Français** (Tours), les quatre premiers avec photo.

**MALLONGAJ INFORMOJ**

S-ro Van Haelemeersch Aimé, S.P. 89.050, A.F.N. — estigis informoservon t.n. **« Ambassade Mondiale PRO UNESKO »**. Por ĉiaj sciigoj oni bonvolu sin turni al li.

•

La 30-an de septembro 1960, la dana Ministro pri Internaj Aferoj, S-ro Seren Olesen faris danlingvan prelegon en la dana radio kun la titolo **« Esperanto, la solvo de la interpopola lingvo-problemo »**.

•

Pola radio organizas internacian konkurson de infana desegnado kaj pentrado « Mia Patrujo », sub la protektado de la Pola Komitato por la Aferoj de UNESKO. Por informoj skribi al Pola radio, Varsovio, Pollando — **« La Konkurso de Infanaj Desegnajoj »**.

•

La Estraro de Esperanta Ŝak-Ligo Internacia (aliĝinta al U.E.A., I.C.C.F. kaj F.I.D.E.) estas jena : Prezidanto, Torsten Lindberg — Prässebo — Svedujo ; Vic-Prezidanto kaj Sekretario, D-ro V. Faigl — Zlonice — Ĉekoslovakujo ; Kasisto kaj turnirgvidanto, Jean Duthilleul — Briançon — Francujo.

La teksto de la lud-reguloj por la korespondturniroj estas haveblaj ĉe **S-ro Duthilleul, 7, rue Commandant-Carlhan — Briançon (Hautes-Alpes).**

•

En **« Polio-Revuo »** aperas tre akurate Esperanto-kurso sub la gvidado de S-ro Jean Duthilleul.

# EPERNAY...



## ĜIA VINBEREJO -- ĜIA SUBTERA URBO

### LA « KORO » DE LA ĈAMPANA VINBEREJO

Beleta urbo (kun 20.000 loĝantoj), tre facile alirebla per la ŝtatvojo n° 3 « *Paris-Metz-Strasbourg* » aŭ per la vojo n° 51 « *Givet-Orléans* », sin proponas al gevizitantoj en la gajaspekta valo de Marno, je 142 km. de Parizo sur la « *Vojo de la Liberigo* » : Epernay. Ĝi estas ĉirkaŭita de montetoj, kies suproj estas kovritaj de vastaj arbaroj kaj dek'ivaĵoj de famaj vinberejoj. Tiuj ĉi montetoj altiras turistojn pro siaj grandiozaj videjoj : *Hautvilliers, Bellevue, Monto-Bernon, Kernon, Kastelo de Beursault, Venteuil, Chatillon-sur-Marne* (kie staras la statuo de la Papo Urbain II, la predikinto de la 1-a Krucmilito), *Cramant* fama pro sia vitejo de b'ankaj vinberoj.

### MONUMENTOJ

Meze de bela anglastila ĝardeno staras la urbdomo — ma'nova kaj luksega privata domego, kies tutan ĉarmon konservas la ĝardeno. En la *Kastelo Perrier* kunestas la muzeo pri la ĉampana vino kaj la muzeo pri la regiona prahistorio : la biblioteko enhavas 60.000 librojn. Vizitindaj estas ankaŭ la preĝejoj « *Notre-Dame* » kaj « *St. Pierre-St. Paul* », la portalo « *St. Martin* », la urba teatro, la hospitalo « *Auban-Moët* ». Fine memoriga monumento estas dediĉita al la promilitaj mortintoj.

### HISTORIO

La valo de Marno kaj la ĉirkaŭaj montetoj estis pratempe loĝataj, kaj la viton oni kulturis eĉ antaŭ la romia konkero. La unuaj 'oĝantoj de la urbo estis tanistoj, kiuj dum la kvina jarcento establis sin ĉe la rivereto « *Cubry* », fluanta tra « EPERNAY ». Romia oficiro, kies nomo estas « *Sparnacus* », venis tien restadi, kaj tial donis sian nomon al la formiĝanta vilaĝo (*Sparnako, — sparnakanoj*). La urbo, kiu partoprenis en la tuta historio de Francujo, est's konkerita, disrabita kaj bruligita pli ol 25 fojojn de la jaro 533. Dum la milito 14-18 estis 65 mortigitoj, 84 vunditoj kaj 1727 difektitaj domoj.

### KURIOZAJO

La avenuo de Ĉampano estas ia triŭmfa vojo, 'aŭlonge de kiu staras la plimulto el la grandaj firmaoj, kies prestiĝaj nomoj de ĉampanvino faris la reputacion de EPERNAY tra la mondo. Ĉirkaŭ cent kilometroj da kelegoj, fositaj en dika tavolo el kompakta kreto kaj enhavantaj milionojn da boteloj, vastiĝas sub tiu kvartalo de la urbo. La vizito de ĉi tiu vere subtera urbo estas kurioza.



---

### MONEROJ en Esperanto

En 1945 estis kreita la STELO, mono de Universala Ligo, kies kuponoj fariĝis tre konataj.

Ĉi-jare la Reĝ-Monejo de Nederlando konsentis eldoni : 10.000 monerojn je 1 stelo, 10.000 monerojn je 5 steloj, kaj 10.000 monerojn je 10 steloj.



### RADIO-ZAGREB

Ondolongo 264,7 m, e'sendotago ĵaŭdo, elsendohoro 22 laŭ GMT, 23 laŭ MET.

*Programo por decembro* 1960 :

la 1-an - Signifo de la Tago de Respubliko por la jugoslaviaj popoloj.

« 8-an - Recenzoj pri la novaj libroj.

« 15-an - Honore al la Zamenhofa Tago kaj la Tago de homaj rajtoj.

« 22-an - Memore al Frederiko Chopin.

« 29-an - Novaĵoj de la movado kaj respondoj al korespondantoj.

### ENTENDU A LA RADIO

Le metteur en scène Jean RENOIR, dans un extrait de « l'honorable partie de campagne » :

· « ... il possède un dictionnaire en espéranto, qui est une langue internationale... ».

(émission « Soyez les Bienvenus » 4.9.60).

Langres. — Imprimerie Moderne

Le Gérant : J. GUILLAUME